# La Karavelo

Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo

n-ro 014
februaro 2009

Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007



Brazila indiĝenino nutranta la filon.



# La Karavelo n-ro 014 februaro 2009





La Barko: La artikoloj enhavantaj la apudan bildon estas la plej facilaj por komencantoj. Uzu ilin por plibonigi vian lingvonivelon, aŭ tiun de viaj lernantoj. La vortoj de la artikoloj enbarkigitaj nur estos klarigitaj, se ili ne aperos en la Reta Vortaro: http://www.reta-vortaro.de/revo/

Responso: Pri ĉiu artikolo, ties gramatiko, enhavo, stilo kaj vortprovizo responsas la koncerna aŭtoro.

Al blindaj homoj: Kunlaboru bv. por plibonigi la legadon de *La Karavelo* far blindaj homoj.

Uzado de tekstoj el *La Karavelo:* Ne uzu tekstojn el la revuo *La Karavelo* aŭ el alia skribaĵo de *LK* en alia gazeto, sen antaŭa laŭcela permeso de la LK-direktisto. Havinte permeson por uzi tekston, ĉiam indiku la fonton. Ekz.: «El la revuo "La Karavelo", n-ro 9, junio 2008, paĝoj 5 ĝis 8». Nepre neniu havas la rajton iel modifi la tekstojn, aŭ resumi ilin. La permeso estas nur por revuoj, neniam por libroj aŭ por aliaj publikigaĵoj.

## Kolofono


**Konstantaj verkistoj...**
Djalma Pessata
Eduardo Novembro
Edward Jaśkiewicz
Francisco Wechsler
Geraldo Mattos
Gerrit Berveling
Imre Szabó
Irina Mironova
João José Santos
Leo De Cooman
Luiza Carol
Nikolaj Neĉaev
Paulo Sérgio Viana
Roberto Ribeiro
Roger de Castro Gotardi
Tibor J. Szabadi
Valentin Melnikov

**Direktas, redaktas, kompostas**
João José Santos
**Reviziistoj**
Kurt Fischer
Luiza Carol - pri La Barko
Roger de Castro Gotardi
Valentin Melnikov



**Telefono** (+351) 268 919 000
**PoŝTel.** (+351) 960 13 15 15
**Retadreso** lakaravelo@gmail.com
**Retejo** www.esperantopt.com

**Adreso**
LA KARAVELO – Dr. João José Santos
Fonte Velha, caixa 3003
7100-078 Estremoz – Portugal


**Recenzeblaj libroj**
estu sendotaj al la supra adreso.

**Reguloj**
Pri la principoj, labormaniero kaj reguloj de La Karavelo, nepre elŝutu kaj legu la dosieron Regularo de La Karavelo, el la ĉefa paĝo de nia retejo. Ĝi estas konstante aktualigata.

La Katalogo de La Karavelo
estas ĉiam aktualigita en
www.esperantopt.com



K a r a v e l o





# Prezidantoj, estraranoj, kaj doktoroj

João José Santos



## ENKONDUKO

En inta karavelo, mi verkis poemon nomiĝantan *Kontraŭpova toreado kvazaŭ futurisme*. Tio okazis en La Karavelo n-ro 3, de decembro 2007.

Tamen, ne ĉiuj legas poezion, kaj kelkaj bezonas argumentojn pli raciajn kaj malpli emociajn por kompreni la aferojn. Tial naskiĝas ĉi tiu ĉefartikolo.

## INFANECAJ DEMANDOJ

Kelkfoje, en biografioj aŭ en simplaj konversacioj, oni mencias la fakton, ke iu konata individuo estis prezidanto de la institucio A, estrarano de la asocio B, membro de la akademio C, kaj cetere. Oni aplaŭdas, mense aŭ permane, oni gapas antaŭ la titolo kaj posteno, oni genuiĝas antaŭ la dio, feliĉaj ĉar la Olimpo donis al ili la eblecon kunvivi kun kvazaŭ-dio. Tre malofte iu demandas kun infana naiveco: "Kion li faris enkadre de tiuj postenoj? Ĉu tiuj organizoj progresis dum lia estraraneco? Ĉu lia agado markis ian diferencon? Kiel li sukcesis kunordigi tiom da postenoj samtempe?" Ktp.

La samon oni povas diri pri la superaj kursoj kaj pri la titoloj. La infano kiu, en la konata rakonto kriis: "La reĝo iras nuda!", certe demandus: "Ĉu li estas doktoro? Do li verkis multe, ĉu? Certe li transdonis multe el sia kono al aliaj homoj! Kie estas la homoj, kiuj lernis kun li? Ĉu li starigis iun gravan entreprenon?" Kaj certe, la sama terurete naiva infano povus ankaŭ komenti, plejnaive sed plejsaĝe: "Se li tiom studis, se li okupis tiel gravajn postenojn, se li rajtis je tiom honorindaj titoloj, tutcerte li faris la feliĉon de multaj homoj, kaj post li la mondo estos pli bona kaj justa!"



Ivo Lapenna (1909-1987)
Klera esperanto-verkisto.
Nelacebla batalanto por la agnosko de esperanto.

## LA HISTORIO

La historio estas plenplena je bonaj kaj malbonaj ekzemploj, sed ĉiuj instruigaj. Jen kelkaj el la bonaj.

Zamenhof havis superan kurson pri medicino, sed ni ĉiuj omaĝas lin, ne pro la titolo, sed pro la fakto, ke lia genieco sin montris en lia verko: esperanto. Kaj tiu verko iam povos solvi unu el la plej grandaj homaraj problemoj: la internacia komunikado.

Laŭ la sciaĵoj, Jesuo ne estis doktoro de la leĝo, inter la judoj. Tamen lia doktrino, influis la penson de multaj milionoj da homoj en la tuta mondo, kaj ĝi donis feliĉon kaj trankvilon al multaj animoj, fingromontrante la ĝustan vojon al la dia paco.

La pensado de Sokrato fundamentis la okcidentan filozofion. Lia penso markis la eŭropan civilizon tra la tuta historio, jen oni konsentu pri lia filozofio, jen oni ĝin negu. Oni konas lin ĉefe per la verkoj de Platono. Sokrato, por si mem, nur volis la titolon de "amiko de la sciado", t.e. "filozofo", en la etimologia helena senco.

Gandjo, la liberiginto de Barato el la angla povo kaj ekspluatado, aŭtoris la teorion de la malperfortemo, li ĝin praktikis, kaj li montris

la pacan vojon por la liberigo de la dependaj popoloj. Li estis advokato, sed ne pro tio lia nomo restis en la historio.

Tio, kio evidentas el la historioj de tiuj homoj, estas, ke ilia merito nur kuŝas sur iliaj faroj. Do, la respondo al "Kiu li estas?" tute dependas de la respondo al la demando "Kion li donacis al la aliaj homoj?".

Ne estas diskutinda la graveco de la superaj kursoj, de la titoloj kaj de la postenoj. Tamen diskutindas ke, el tiuj eksteraj homtrajtoj, oni (ne) alvenu al konkludoj pri la inteligento, pravo, honoreco, graveco aŭ respekteco de la koncernaj personoj.

### LINGVISTOJ KAJ FILOLOGOJ

Lingvistoj kaj filologoj abundas en esperantio. Kelkaj ŝuldas la titolojn al la faritaj superaj kursoj, aliaj eĉ meritus tiajn titolojn pro sia ofta agado kaj laboroj en tiuj kampoj, en kiuj ili montris fakecon.

Nenio el tio gravas. Gravas nur kion la homoj faras per siaj scioj kaj en siaj postenoj. Gravas respondi al la supozebla infano, kiu faris la suprajn demandojn.

### EN ESPERANTIO

Kiam oni aldonas postenon al homo, li devas pripensi kiel li mem povas, per siaj agoj, honori la fidon atribuitan al li. Tamen, en esperantio, kelkaj agas, kvazaŭ estus ilia dia rajto aŭ merito esti en tiu aŭ alia pozicio.

En la unuaj jardekoj de la historio de esperanto, la movado kreskis, estis editataj gravaj verkoj, kaj esperanto progresis. Tamen, nia nuna movado stagnas, en krizo kiu jam daŭras de kelkaj jardekoj. Nun, oni havas komputilojn kaj retaliron, sed oni faras malpli ol la unuaj pioniroj, kiuj havis malpli da teknologio, sed iliaj koroj superverŝis amon kaj memdediĉon al la esperanta afero.

Se en entrepreno, la rezultoj ne aperas, oni forigas la responsulojn, ĉar la entrepreno devas pluvivi, la mastro devas plu gajni monon, kaj la dungitoj devas plu nutri siajn infanojn. Se la lernantoj ne havas lernan sukceson, instruistoj kaj gepatroj studas la aferon, kaj ion faras: ili klopodas, por ke la junulo atingu la akcepteblan minimumon en siaj studoj. Tamen, se la esperanto-movado ne kreskas en iu lando, oni diras, ke la homoj



Claude Piron (1931-2008)

Klera esperanto-verkisto.

ne volas esperanton, ke la kuncivitanoj ne emas al lingvo-lernado, kaj ke do la ĉirkaŭanta socimedio ne estas allasebla al esperanto. Neniam oni diras: "Ho, ve! Mi ne trovis la ĝustan strategion por antaŭenigi esperanton en mian landon."

Multaj el tiuj homoj, kiuj longigis sian esperanto-postenon ĝis la putriĝo, kiuj ne verkis ion ajn, kiuj ne instruis al iu ajn, estas rigardataj kiel dediĉemaj esperantistoj, ĉar ili akaparis postenojn kaj titolojn. Ili ekskuzas sin dirante: "Mi ne havas tempon!" Kaj se oni postulas esperanto-agadon de ilia posteno, ili klarigas: "Mi estas ĉi tie kiel volontulo. Esperanto ne estas mia profesio." Tiel ili pravigas sian pigrecon, sian malkompetenton, agante kvazaŭ la esperantistoj ŝuldus ion al ili, pro tio ke ili enposteniĝas jare-post-jare... farante nenion por esperanto. Tiuj homoj, estu ili doktoroj, estraranoj aŭ prezidantoj, ĝenerale ne havas sencon pri responso, ne havas novajn ideojn, kaj ne kapablas kompreni, ke ili estas malhelpantaj la laboron de tiuj, kiuj fakte ion faras por esperanto.

Do, kara esperantisto, kompano de mia surtera vojaĝo! Ne juĝu la homojn laŭ iliaj medaloj, estu ili universitataj, akademiaj, asociaj aŭ aliaj. Juĝu kion tiu homo faris aŭ faras. Juĝu lin laŭ tio, kion li donacas al la aliaj, materie aŭ spirite. Tiel, via klereco larĝiĝos, kaj vi estos en vojo al ioma saĝeco. Vi kaj mi. Ω



## Mesaĝo - de Fernando Pesoo

***João José Santos***
***tradukis el la portugala***



**DUA – LA KVINA IMPERIO**

Trista stas la domloĝanto,
kontenta pri sia hejmo,
sen rev', kies flirta blovo
eĉ pli skarlatu la braĝon
de l' fajrejo forlasota!

Trista stas la feliĉulo!
Vivas li ĉar la viv' daŭras.
En anim' lia nur kuŝas
la instruo de l' komenco:
la sepulto de la vivo.

Sin konsumas la eraoj
en novaj erao-tempoj.
La malkontent' stas homeca.
Bridiĝu la blindaj fortoj
far la vizio anima!

Kaj tiel, post la kvar tempoj
de la esto jam revinta,
la tero stos la teatro
de l' hela tago, el atra[1]
kaj erma[2] nokt', aperinta.

Grekio, Romio, Kristo,
Eŭropo: ili foriras
kien iras la eraoj.
Kiu privivos la veron,
ke Don Sebastian' mortis?

**Ω**

**Noto de l' tradukinto**
L' atenta leganto komprenas, ke en *Mesaĝo* konstante ludas diversaj semantiktavoloj, kiuj petole sin interkrucas: la homara historio, la portugala historio, la filozofio, la esoterismo kaj la poezia estetiko. La traduko de tia verko devas malkonstrui la konstruaĵon, por ĝin rekonstrui en esperanto. Do analiza operacio sekvata de sinteza. En la unua parto de la proceso gravas interpreti la poemon en ĉiuj ĝiaj interkrucitaj dimensioj, la priparolitaj tavoloj. En la dua parto, la sinteza, gravas trovi la ĝustajn vortojn, kiuj donu al la esperanta leganto la konceptojn kaj estetikon de la portugallingva teksto. La ritmon oni respektas kaj oni diversigas, kiam Pesoo ĝin ŝanĝetas. Tio estas farenda verkante poezian kaj naturan esperanton. La originaj versoj rimas, kio ne ĉiam eblas en traduko de ĉi tiu verko, se oni volas kompreni la originaĵon en flua esperanto, kun minimumaj perfidoj. Iel ajn, rimo ne gravas. Pli gravas asonancoj, aliteracioj kaj aliaj stilaj rimedoj.

1 atra – nigra kiel la nokto kaj la negativaj sentoj. La vorto "nigra" taŭgus, sed ĝi estas tro konkreta.
2 erma – oni diru pri loko soleca, dezerta, forlasita.





# Odo 107

### de Ricardo Reis
### (Fernando Pessoa)

**Francisco Stefano Wechsler**
**tradukis el la portugala**

Senĝua tag' al vi ne apartenis,
Nur daŭris vi. Ĉar kiom ajn sen ĝuo
Vi vivas, vi ne vivas.

Ne nepras ami, trinki aŭ rideti:
Sufiĉas sunreflekto sur marĉakvo,
Se ja por vi plezura.

Bonŝancas, kiu bagatelojn ĝuas,
Al li neniu tago malpermesas
Naturan feliĉegon!

Ω



**Rikardo Rejso.**
**Detalo de mura pentraĵo, de Almado Negrejro, en la Beletra Fakultato de la Lisbona Universitato (1958).**

**Noto de la redaktisto**
La heteronoma personeco Rikardo Rejso estis kuracisto. Li lertis pri la latina kaj helena lingvoj kaj literaturoj. Tre ofte, el liaj poemoj elvenas pura epikurismo, kiu fontas el la latina poeto Kvinto Horacio Flako, en la epikurisma fazo de ĉi tiu poeto. Pri Horacio, legu en *Antologio Latina 2* la tradukojn de nia kunlaboranto Gerrit Berveling, paĝoj 331-393. Legu ankaŭ la tuj sekvan paĝon de ĉi tiu numero de *La Karavelo*, en kiu Berveling publikigas sian tradukon de la plej konata odo de Horacio: *Al Leŭkonoe'.*



## Al Leŭkonoe'[1] (Odoj I: 11)

### de Kvinto Horacio Flako

### (Quintus Horatius Flaccus, 65-8 a. Kr.)

**Gerrit Berveling tradukis el la Latina**


Horacio

Vin tabuas serĉad' (mavas la sci'), kian por mi, por vi
finon fiksis la Di', Leŭkonoe', nek Babilonajn[5] vi
nombrojn petu pri help'. Bonas ja pli: simpla akcept' pri l' sort'.
Ĉu da vintroj ankor', aŭ ĉu al ni lastan ĉi donos Jov'[6],
kiu rompas ĉe strand' kontraŭ pumik' forton de mara ŝaŭm'
de Tiren'[2]; – kun saĝec' filtru por ni vinon[7], pritondu jam
l' atendadon[3] kun hast'. Dum babilad' fuĝas envia nin
temp': plukiĝu la tag'[4], kun minimum' fidu pri l' estontec'.

### LA METRIKO

La metriko konsistas el tri eroj: trifoje en ĉiu verso oni kvazaŭ spertas rean ekiĝon:
– v – v v – // – v v – // – v v – v –[8].
Se oni bone rigardas, oni vidas ke la tuta skemo de la verso estas palindromo[9].
Tiu ĉi metriko estas sufiĉe rara en la poezio de Horacio; ĝuste tial (kaj ankaŭ ĉar obei al ĝi devigas onin kaj al malrapida tradukado kaj al malrapida legado) laŭ mi indas provi reteni ĝin. Tial do des pli mirigis min, ke Kálmán Kalocsay siatempe el tiu ĉi Odo sorĉis… belan *soneton*![10]

---

1 Averto kontraŭ tro da cerbumado pri demandoj kiaj:
Kiam mi mortos? Ĉu mi ricevos ankoraŭ novajn jarojn? Prefere oni ĝuu la nunon! (GB)

2 La Tirena maro ricevis sian nomon de la Etruskoj (Greke "Tirenoj": propralingve "Rasna"); eble estas amuze scii, ke Meceno, la granda amiko de Oktaviano Aŭgusto kaj i.a. ankaŭ de Horacio, al kiu li rolis kiel mecenato, mem estis Etrusko. Ĉu eble ne-truda flataĵo al li? (GB)

3 Pritondi la atendadon = mallongigi ĝin. (GB)

4 La plej fama esprimo en ĉi tiu Odo estas Latine ***carpe diem*** – laŭlitere: *pluku la tagon*, sed, ĉar mi klopodas traduki ĉiujn tekstojn kiom eble en la origina metriko, la ritmo de la verso <aetas: carpe diem / quam minimum / credula postero> devigas min al traduko, kie – en la unua triono – la akcentoj falu sur la unua, tria kaj sesa silaboj: do konkrete: en mia traduko, bedaŭrinde, ĝis mi trovos pli bonan solvon, provizore la laŭlitera traduko "pluku la tagon" fariĝis "plukiĝu la tag'". (GB)

5 La Babilonaj nombroj indikas la astrologiajn kalkuladojn pri eventuala estonteco. (GB)

6 La kvara verso estas gramatike iom komplika:
Ĉu Jovo donos ankoraŭ al ni pli da vintroj? Aŭ ĉu li donos ĉi vintron kiel lastan? (GB)

7 Vinon oni filtris ne tuj post produktado, kiel nuntempe antaŭ enboteligo, sed tuj antaŭ ektrinko. (GB)

8 Tiuj, kiuj ne sufiĉe konas metrikon, povas kalkuli ĉi tiujn versojn tiel: 1:3:6 // 7:10 // 11:14:16, en kio, la ciferoj montras la akcentitan silabon. Tiu kadenco farita de ripetoj kaj varioj estas nomata ritmo. Ĝi estas esenca en poezio. Poezio estas muziko farata per vortoj. (JJS)

9 Pri palindromoj, legu ĉe *La Karavelo n-ro 5, paĝo 10*, la artikolon de Viana. (JJS)

10 La gapo de Berveling plene praviĝas pro la jeno: Petrarko, la inventinto de l' soneto, naskiĝis en 1304, do 1369 jaroj post Horacio. Paroli pri sonetoj ĉe Horacio estas kvazaŭ paroli pri komputiloj ĉe Petrarko, do pura anakronismo. Oni povus argumenti, ke ekzistus ia simileco inter la odo de Horacio kaj la sonetoj de Petrarko, tamen eĉ tio fakte ne ekzistas. La sonetoj enhavas 14 versojn, ĉi tiu odo 8 versojn. Soneto enhavas metrikan sistemon 6:10 (heroa verso), tute malsama de ĉi tiu odo, ktp, ktp, ktp. Ĉi tiu kaloĉa miso nur pruvas, ke eĉ tre inteligentaj kaj kompetentaj homoj, kiel Kaloĉo, fojfoje bezonas ripozon. (JJS)



**de Imre Szabo**



# Pasas la nasko

Pasas la tempo, sed vi ne pasas,
vi firme sidas en miaj cerbo kaj koro,
vi estas la eterne dolĉa, kara
kaj malhavebla, transmonda doloro.

Min portas plu la vojo,
mi esperas havi vin foje,
ĝis alvenos aŭtuno, vintro,
kaj defalos la folioj angore.

Min elŝvitis la frumateno,
kaj min absorbos la vespero,
same, kiel ĉiujn.

Donu al mi ideton!

Kiu plukantus la nekantitajn,
kies buŝo malfermiĝos,
kiam la mia femiĝos.

Estu li eterne laŭdata,
vesperoj se mornas,
matenoj se spronas
nin vivi plu,
kvankam min perdis jam,
elfaligis el siaj polmoj
la Eternulo.

Vivakre mi sonas, kiam
en sia forto malflamiĝos ĉi am',
ke ne plu, ke ne plu –
kaj ĉiam re- kaj rekomencu,
ĉar baras nin ĉirkaŭe la nokto.

Mi amas vin.

Kiom simple!

La suno venas supren.

Kiel krio ĝi venas
tra la ĉifono de nebuloj,
kaj abrupte ĝi trovis sin sur la kruco
de la mondotuto.

Kaj ekhumilas nun,
mi puŝas mian kapon
sub la polvon,
mi etendiĝus kun la ebena grundo,
kaj mi ŝirmus eĉ miajn herbojn,
kiuj abrupte ekkreskas neatendite.

Ho, kara mia,
foras la ĉielo, kiel la koro,
kaj foras ĝiaj tigoj, la tagoj, branĉoj
malsupren kliniĝantaj.
Helpu min supren!

Mi ne scias, kiel,
mi ne scias, kial!

Ne helpu min por krii,
mi ne krias por helpi.

Milde paŝante ĉu ekzistas vojo por mi?
Ĉu mi ribelu frenezule,
daŭre montrante al via koro,
ke mi volas la plej belan pomon?

La pomoj putriĝas, vane ili ruĝis,
ruĝa putro ilin atingas.

Mi amas vin,
sed mi ne scias diri,
kiel.

Kiel venas eŝafodo
lante ŝvebante pli kaj pli supren
ĝis la nivelo de leĝo,
por ke murdo estu sanktigita,
preskaŭ dia!

Kvankam dio ĉiam
nur kreas,
se ne estas io cetera,
almenaŭ doloron vivantan
kaj amon,
kiel la naskon.

Ω





***Nikolaj Neĉaev***

**Mi revas dum neĝblovado februara**

**Teksas ŝirmon el neĝeroj**
**Neĝblovado en aer'.**
**Teksas tekston el literoj**
**Mia rev' pri primaver'.**

**Ne kapablas blovo tiu**
**Peli revon el la kor'.**
**Mia koro fantaziu**
**Ĉe apero de la flor'.**

**Poeto en februaro**

**Nun dormas en burĝonoj**
**poemoj de l' poet'.**
**Ektrilos miaj sonoj**
**En iu versaĵet'.**

**Dum veno de abelo,**
**Dum veno de kukol',**
**Finiĝos frostkruelo,**
**Ekfluos versparol'.**

**Finfebruara degelo**

**Gradoj ĉe nulo**
**Ree situas.**
**Romantikulo**
**Plu evoluas.**
**En primaveron,**
**Revon, amoron,**
**Varman aeron,**
**Trilan majoron.**

**Temperaturo**
**Venis al nulo.**
**Kun rimhumuro,**
**Romantikulo**
**Vivas ĉe suno,**
**Kantu sub gutoj,**
**Iras al juno,**
**Al trilsalutoj.**
**Mi trilsalutas**
**Marton apudan,**
**L' koro atutas**
**Arton rimludan.**

**Ω**



*Edward Jaśkiewicz*
*tradukis el la pola*

## *MALFACILA ELEKTO*

*Włodzimierz Scisłowski*

Sporton preskribis min kuracisto.
Kion praktiki laŭ longa listo?
Pro boks' verŝajne hom' kreteniĝas
kaj vidkapablo plimalfortiĝas.
Por biciklisto esti unika,
konsentu tuj kun malsan' varika.
Ĉu piedpilkon? Eble rugbeon?
Ĉu por ostrompo mi havas devon?
Eble naĝadon diras alia...
sed pulmojn, koron protektas mi ja!

Tablotenison mi ne avidas,
sur tenisejo mi tuj eksidas...
Marŝo defalas pro kal-doloro,
por toto - ludo estu la gloro!

Noto: Toto – ludo en kiu oni povas gajni eĉ milionojn da zlotoj.

* * * * * * * * * * * * * * * * *



**de Geraldo Mattos**
**www.gmverda.com.br**

## Geraldo, sed nur Geraldo

Dek minutojn post kiam Geraldo naskiĝis, lia avino diris al li kun la firma konvinko de fanatika religianino:

- Vi estos pastro.

Kaj tion ŝi promesis al la Sankta Virgulino Maria, kiu atente zorgis pri la akuŝo de ŝia filino Maria, kies gravedeco estis vere malfacila kaj mortominaca...

La akuŝo efektiviĝis pli rapide ol normale, sen haltoj kaj saltoj, kun la atendata rezulto: pastro naskiĝis...

Tri monatojn post kiam Geraldo naskiĝis, lia patrino sentis sin perdita, ĉar lia unua infano, nomata Geraldo en honoro al Sankta Geraldo el Magelo, estis grave malsana, kaj la kuracisto lavis al si la manojn, dirante al Sinjorino Maria, la ploranta patrino de Geraldo:

- Nur miraklo, Sinnjo Maria!...

Kaj ŝi diris al sia kuracisto:

- Mi ĝin havos.

Kaj ŝi iris al sia dormoĉambro, genuiĝis sur la planko kaj preĝis al sia Sanktulo kun la koro en la manoj kaj la ploro sur la vangoj:

- Sankta Geraldo, kiu donis vian nomon al mia filo, bonvolu helpi min kaj resanigi lin. Se vi tion faros, al ĉiu el miaj viraj infanoj mi donos vian nomon. Amen.

Tiam ŝi decide stariĝis, plej certa, ke ŝia filo estos savata de la Sanktulo, kaj li do estos savita de la morto.

La sekvantan tagon ŝi denove vokis la kuraciston, kiu rapide eliris el sia domo ege maltranvila kaj misaŭgura.

Kiam li alvenis en ilian domon, la patro kaj la patrino atendis lin antaŭ la pordo, kaj la doktoro diris al si mem:

- Tiu familio estas freneza. Ilia filo estas mortanta kaj ili havas ridantajn vangojn,



kvazaŭ al li nenio okazis...

Al la patro kaj al la patrino li diris inter kolere kaj severe:

- Mi povas fari nenion. Tion mi diris al vi hieraŭ.

Iliaj vangoj eĉ pli iluminiĝis, kiam ili respondis:

- Ni scias. Ni tamen volas, ke vi eniru kaj iru vidi nian filon, kiu nun ridetas en sia lulilo.



La kuracisto respondis:

- Mi povas fari nenion. Tion mi diris al vi hieraŭ.

Kaj ili kun siaj pluaj ridetoj:

- Ni scias. Vi faros nenion. Jam ne plu tio estas necesa.

La kuracisto subite serioziĝis:

- Mi jam diris al vi, ke li estas mortanta. Kaj nun...

Kaj ili kun la samaj vangoj ĝojoplenaj:

- Eniru, doktoro!

Kaj li eniris.

La vojo estis jam konata de lia lasta fojo, ĉar temis pri modesta triĉambra domo:

enirĉambro kaj sekvanta dormoĉambro kaj flanke de la unua, malgranda kuirejo. Li do transpaŝis la enirĉambron, kaj post tri metroj li estis jam en la dormoĉambro, en kies angulo lulilo dormis kun sia dormanta loĝanto: la vangoj rozkoloraj, la buŝo iom malfermita por kiso kaj la brusto kvazaŭ boateto sur senventaj akvoj milde supren kaj malsupren, denove supren kaj malsupren, denove...

La kuracisto ne kredis tion, kion li vidis.

Li palpis lin: nenia febro.

Li tamen prenis termometron kaj lasis ĝin sub lia subbrako pli da minutoj ol necese, kaj nur tiam li ĝin demetis, rigardis, kaj murmuris kun neanta kapo en rapidaj movetoj inter dekstro kaj maldekstro:

- Mi tamen ne kredas...

Li kalkulis lian pulson: regulaj korbatoj.

Li demetis la litotukon kaj vidis la nudan infanon: normala korpo.

Li do revenis kaj diris per iom alia voĉo, kaj ŝajnis al la familio, ke tia doktoro venis trenita per ŝnuro ĉirkaŭ la kolo:

- Kial vi vokis min?

Ili ekridis de ĝojo:

- Ni venigis vin por danki vin kaj pagi al vi la hieraŭan kaj la hodiaŭan konsulton.

La doktoro sentis sin konfuza:

- La hieraŭan mi ne pagigos kaj la hodiaŭan mi faris nenion por ricevi... Eĉ via danko estas superflua, ĉar mi faris nenion, ĉar nenio resaniga estis tiam farebla.

Kaj ili ambaŭvoĉe:

- Vi faris.

- Mi ne faris, kvankam mi volus fari, sed ĉiu kuracisto scias, ke la fina venko ĉiam apartenas al la morto.

- Vi faris.

- Vi stultaj!... Pardonu! Mi estas nervoza pro ĉio, kion mi vidas kaj pro ĉio, kion vi parolas. Kredu min, sinjorino! Mi faris ĉion, kion mi povis hieraŭ, sed ĉio estis nesufiĉa... Kaj mi tion diris.

- Vi faris. Pli ĝuste... vi diris.

- Vi... Vi estas... Ne, mi ne rajtas ofendi vin per tio, kion mi pensas pri vi, sed ne ofendu min per tia nemeritita danko.

- Doktoro, vi diris al ni, kion ni bezonas.

La kuracisto eksplodis pro sia nekompreno pri ilia nekompreno:

- Vi estas frenezaj, Sinnjo Maria kaj Sinĉjo Ludgero.

Kaj aŭdinte tiujn liajn vortojn, Sinnjo Maria kaj Sinĉjo Ludgero eksplodis per ekkrioj:

- Ha he [hi] ho hu!... Vi konsilis al ni la solan eblan sanigilon por nia mortanta



infano, kaj tio estis...

- Stultaj! Frenezaj! Sensencaj!

- Doktoro, mi hieraŭ eĉ diris tion al vi per tiuj vortoj, sed ilin vi ne memoras, certe pro via senpoveco...

- Kaj nun vi nomas min senkapa... Nu, kion mi faris aŭ kion mi diris por ia justa pravigo de via danko al mi?

Kaj ili diris:

- Vi diris nur ĉi tion, kaj tio sufiĉis:

- Nur miraklo, Sinnjo Maria!...

Kaj mi tiam diris al vi:

- Mi ĝin havos.

Kaj poste mi iris al nia dormoĉambro, genuiĝis sur la planko kaj preĝis al mia Sanktulo kun la koro en la manoj kaj la ploro sur la vangoj:

- Sankta Geraldo, kiu donis vian nomon al mia filo, bonvolu helpi min kaj resanigi lin. Se vi tion faros, al ĉiu el miaj viraj infanoj mi



donos vian nomon. Amen.

Kaj mi havis la miraklon, kiun mi diris, ke mi havos!

La kuracisto trankviliĝis:

- Tio estas fido, kiu formovas monton... Kaj mi nun petas de viaj bonaj koroj, ke vi pardonu al mi miajn krudajn vortojn!

Ambaŭ diris kun ridantaj okuloj kaj brilaj vangoj:

- Ni ne memoras hieraŭ esti aŭdantaj tiajn vortojn!...

Kaj pasis la tagoj, kaj pasis la semajnoj, kaj pasis la monatoj, kaj pasis la jaroj, kaj jen naskiĝis al ŝi la dua filo, kaj ŝi tuj plenumis sian promeson kaj baptigis lin Geraldo Jozefo.

Senhezite ŝi pensis:

- La dua nomo estis necesa por distigi unu de la alia. Cetere, Jozefo estas edzo de Maria kaj patro de Jesuo: tion Sankta Geraldo certe akceptos...

Nenia kuracisto estis necesa, eĉ ne por ŝia akuŝo, pri kiu ĉion zorgis tiu sama akuŝistino de ŝia unua filo Geraldo.

Kaj pasis la tagoj, kaj pasis la semajnoj, kaj pasis la monatoj, kaj pasis la jaroj, kaj jen naskiĝis al ŝi la tria infano, kaj ŝi tuj plenumis sian promeson al Sankta Geraldo kaj baptigos lin...

Kaj ŝi ekpensis:

- Ho ne!...

La tria Geraldo en la sama ŝia familio estus heroa, sed ŝajnas troa, kaj ŝi do lasis lian bapton por la sekvanta monato, ĝis ŝi decidos nomi lin Geraldo... sed ŝi mense rediris:

- Ho ne!...

Kaj pasis la tagoj, kaj pasis la semajnoj, kaj pasis la monatoj, kaj nenia bapto okazis pro la elekto de la atendata nomo, samtempe heroa kaj troa...

Dum tiu longa penso, ŝi alvenis al kurioza pripenso, ke ŝi ne kulpos, se ŝi faros, kion ŝi intencas fari:

- Mi esperas, ke Sankta Geraldo observos, ke lia tuta nomo aperas ene de la nomo de mia infano, kun solaj du pliaj literoj...

Post tiom longa tempo, la avino tiel insistis pri la bapto, ke finfine ĉiuj iris al la preĝejo kaj aŭdis por la unua fojo alian nomon, ne tiun de la Sankta Geraldo, kiun ĉiu el ili atendis laŭ la promesita promeso:

- Gerinaldo, mi baptas vin en la nomo de la Patro, de la Filo kaj de la Sankta Spirito!

Kaj ĉiuj ĥore:

- Amen!

Kaj la sekvantan tagon Gerinaldo maten-iĝis mortinta...

Ĉiuj funebris malĝoje plorantaj, sed Sinnjo Maria, lia patrino, freneziĝis kaj batis al si sur la brusto:

- Mi lin mortigis per la rompo de la pro-mesita promeso...

Sinnjo Maria tamen ofte diradis de si al si mem, kredante sin senkulpa:

- Mi esperas, ke Sankta Geraldo observos, ke lia tuta nomo aperas ene de la nomo de mia infano, kun solaj du pliaj literoj... Sekve ne la Sanktulo respondis pri lia morto!...

Avino plurfoje diradis al sia filino:

- Ne estu stulta, Maria! Sankta Geraldo el Magelo delonge loĝas ĉe Dio en la ĉielo, kaj neniu el la ĉielanoj pensas pri venĝo, eĉ ne de la kulpaj homoj. Mortoj okazas ene de la ventro, mortoj okazas dum la akuŝo, mortoj okazas en la unua semajno, en la unua monato, en la unua jaro kaj unu tagon en ĉies vivo: mortas plantoj, mortas bestoj, mortas homoj...

Kaj ŝi donis la lastan baton kaj ultimaton:

- Nur ŝtonoj ne mortas, ĉar ili neniam ekvivis!...

La doktoro klarigis tion per komplikaj vortoj, kiujn neniu komprenis, sed li akceptis kun plena certeco, ke temis pri subita koratako: por morti, sufiĉas esti viva.

La pastro venis al ŝi, kaj Sinnjo Maria diris al li:

- Pastro, mi volas konfesi mian plej grandan pekon, kiun mi pekis kontraŭ mia promesita promeso.

Milde la pastro tuj rebatis al ŝia diro:

- Vi neniel pekis, Sinnjo Maria.

Neniaj vortoj ŝin konvinkis, se eĉ ŝiaj argumentoj sajnis al ŝi malveraj, sekve sen ia forto:

- Ne, pastro. Lia morto estas mia kulpo, sed kial Sankta Geraldo ne pagigis al mi mian rompon de la promesita promeso per mia morto, kaj ne per la morto de tute senkulpa infano?

La pastro ektremis de surprizo kaj diris per tremanta lango:

- Vi nun pekis gravan pekon, Sinnjo Maria, ĉar vi blasfemis grandan basfemon kontraŭ Sanktulo de Dio: vi lin kalumniis mortiginto.

Kiam li trankviliĝis, li senkonscie ripetis la vortojn de la avino de Gerinaldo, sed estas plej eble, ke tion faris la avino, kiu ĉiutage iras al la meso en la kapelo, kiun ŝi konstruigis per siaj petataj almozoj en la tuta urbeto apuda al la granda kaj bela Rio, tiama ĉefurbo de Brazilo:

- Sankta Geraldo el Magelo delonge loĝas ĉe Dio en la ĉielo, kaj neniu el la ĉielanoj pensas pri venĝo, eĉ ne de la kulpaj homoj. Mortoj okazas ene de la ventro, mortoj okazas dum la akuŝo, mortoj okazas en la unua semajno, en la unua monato, en la unua jaro kaj unu tagon en ĉies vivo: mortas plantoj, mortas bestoj, mortas homoj...



Kaj li donis la lastan baton kaj ultimaton:

- Nur ŝtonoj ne mortas, ĉar ili neniam ekvivis!...

Kiam la pastro ŝin absolvis, ŝi kvietiĝis:

- Se la pastro pardonis min, ankaŭ la ĉielo pardonis min! Eĉ mian dekan filon mi nomos Geraldo.

Sed venis al ŝi nenia alia infano, kaj iom post iom ŝi forgesis, ke ŝi perdis infanon nomatan Geraldo, ĉar ŝi ripetis, ke la nomo de la Sanktulo aperas ene de la nomo de ŝia mortinta filo, kun solaj du pliaj literoj... Sekve ne la Sanktulo respondis pri lia morto!... Ω





## UNIVERSALAJ KONGRESOJ DE ESPERANTO

## 1907

# 3-a Universala Kongreso de Esperanto

***Djalma Pessata***




**Loko:** Kembriĝo, Britio
**Dato:** 12-a ĝis 17-a de Aŭgusto
**Aliĝintoj:** 1317

Tiu estis memoriga kongreso pri la 20-a jubileo de Esperanto (1887-1907). En la kongreso de Kembriĝo estis akceptita la unua **Kongresa Regularo (KR)**. Ĝi difinis la personojn, kiuj rajtas partopreni la kongresojn, la celon de la UK, la temojn priparolatajn, la konsiston de KKK kaj la estrarojn de la kongresoj.



La kongresanaro antaŭ **La Guildhall**, kie okazis la kongresaj kunvenoj, en Kembriĝo.




La urbestro de Kembriĝo, **S-ro Stace**, kun **D-ro Zamenhof**, survoje al la urbodomo.

### LA TRIO POR LA TRIA

La **Loka Kongresa Komitato (LKK)** de la 3-a UK estis konata kiel **La Trio por la Tria**, ĉar la kembriĝa LKK estis formata de tri homoj: **John Pollen**, **George Cunningham** kaj **Harold Mudie.** Vere, krom tiuj homoj, ankaŭ la pastro **Austin Richardson** multe kunlaboris por la kongreso. Ili verkis artikolojn kune, organizis la kongreson kaj tre influis la britan Esperanto-movadon. Unu el ili, inkluzive, precize **Harold Mudie**, estis la unua prezidanto de **Universala Esperanto Asocio (UEA)**, de 1908 ĝis 1916, kiam li mortis.



## TEATRAĴOJ PREZENTITAJ EN LA 3-A UK


Charles Dickens

►**Boks kaj Koks**, unuakta komedieto de John Madison Morton, tradukita de Charles Stewart, kun W. M. Page, J. Ford kaj A. J. Hulme;

►**Bardell kontraŭ Pickwick**, dramo de Charles Dieckens (foto maldekstre), tradukita de William Morrison kaj ludita de 16 geaktoroj el 9 landoj;

►**Ŝi kliniĝis por venki**, angla komedio de Oliver Goldsmith, tradukita de Achille Motteau kaj ludita de 11 geaktoroj, inter kiuj d-ro Stefan Krukowski, el Varsovio;

►**Nepardonebla altrudo** (sennoma aŭtoro).

## LIBERA PENSO KAJ LA 3-A UK



La **Libera Penso** estis unu el la unuaj mondaj organizaĵoj, kiuj deklaris opinion favoran al Esperanto, jam en 1905, en Parizo.

En la 3-a kongreso de Esperanto fondiĝis internacia asocio de liberpensuloj sub la nomo **Libera Penso.**

Gaston Moch (maldekstre), franca esperantisto kaj oficiro de artilerio, kaj Carlo Bourlet (dekstre), ankaŭ franco, profesoro kaj sciencisto, estis inter la 25 membroj-fondintoj de tiu internacia asocio.




## JOHN CYPRIAN RUST: EMINENTA ESPERANTISTO EN KEMBRIĜO

**John Cyprian Rust** (1841-1927) estis angla esperantisto kaj anglikana pastro.
Li estis klera lingvisto, kun bona scio pri antikvaj kaj modernaj lingvoj.

Estis Rust, kiu faris la unuan predikon en Esperanto, dum la 2-a universala kongreso , en Ĝenevo, en 1906.
La traduko de la **Nova Testamento** al Esperanto ankaŭ estis, grandparte, lia verko.

Por la 3-a universala kongreso de Kembriĝo, en 1907, Rust aperigis la unuan kristanan himnaron en Esperanto. Ĝi estas **Ordo de Diservo**, kun originalaj tekstoj kaj melodioj, ekzemple **Doksologio** (dekstre). Doksologio estas laŭdo al iu elstara, precipe Dio, per aparte elektitaj vortoj.

**Doksologio**

John Cyprian Rust

E - stu nun laŭ - da - ta Di - o
E - stas li viv - do - na fon - to,
Ĉi - am, ĉi - e, kaj de ĉi - o; Sur la te - ro
La be - nin - to kaj be - non - to, Pa - tro, Fi - lo,
de l' ho - ma - ro; De l' ĉi - e - la an - ĝe - la - ro.
kaj Spi - ri - to: Laŭ - du lin sen in - ter - mi - to.

### OKAZIS EN KAJ POST LA 3-A UNIVERSALA KONGRESO...

... unuafoje, ŝtata registaro (Belgujo) reprezentis sin dum Esperanto-kongreso.

... ekskursantoj vizitis la **Ĝardenurbon Letchworth**. Tie, ili renkontiĝis kun la fondinto **Ebenezer Howard**. Vidu la bildojn ĉi-sube.



PROGRAMO & MEMORIGAĴO
De la Vizito de la
Anoj de la
TRIA INTERNACIA KONGRESO
De Esperantistoj
AL
LETCHWORTH (ĜARDENA URBO)
ANGLUJO.

MARDON, 13an DE AŬGUSTO, 1907a.




... **John Eyton Bickersteth Mayor**, fama universitata profesoro en Kembriĝo rekomendis, ke Esperanto estu instruata al infanoj kiel la dua lingvo. Samtempe, aliaj edukistoj, inter kiuj, d-ro **Andrew Edward Scougal**, ĉefa inspektoro de lernejoj en Skotlando, donis al la lingvo fortan aprobon kaj propagandis la enkondukon de Esperanto en lernejojn.

... **Ludoviko Lazaro Zamenhof** faris unu el siaj plej belaj paroladoj, kiu finiĝas per:

> **"Vivu Esperanto, sed antaŭ ĉio,**
> **vivu la celo kaj la interna ideo de la esperantismo,**
> **vivu la frateco de la popoloj,**
> **vivu ĉio, kio rompas la murojn inter la gentoj,**
> **vivu, kresku kaj floru la verda standardo!"**



Aliro de Zamenhof al la 3-a UK.

Ω

# Memoroj pri Milica Serĝento

**(romano de Manuel Antônio de Almeida)**

## serĉo pri brazila identeco [1]

***Roberto da Silva Ribeiro***

### 1 - ENKONDUKO

Kial la brazilanoj estas malsamaj ol aliaj popoloj? Aŭ per aliaj vortoj: kiu estas la identeco de la brazila nacio? Tiu estis ofta demando en la 19-jarcenta Brazilo. Vere, tiu ne estis nur brazila problemo. En tiu tempo, la serĉo de nacia identeco estis demando, kiu aperis en preskaŭ ĉiuj landoj de Ameriko kaj de Eŭropo. Tiu demando trovis respondojn ne nur de historiistoj kaj sciencistoj, sed ĉefe de literaturistoj.

Walter Scott faris la periodon de la anglaj reĝoj Rikardo kaj Johano la lulilo de la moderna brita nacio, en sia famega romano *Ivanhoe*. Li estis imitota de multaj tra Eŭropo. En Francio, la origino de la moderna franca nacia etoso ŝajne estas plejbone reprezentata de *La Tri Mosketiroj* de Dumas. Fakte, Dartagnan estis gaskona kaj la romano okazis en periodo, kiam la moderna Francio aperis per la subiro de multaj etaj popoloj dum la regado de Richilieu. En Usono, *La Lasta el la Mohikanoj*, de James Fenimore, estis la unua el la usonanoj; la heroo de la romano estas anglido adoptita de indiĝenoj, kaj tiu estas usonano: eŭropano adaptita al Nova Mondo. Sed kiu estas la brazilano?

Ekde 1822, la dato de la oficiala sendependiĝo de Brazilo, la brazila identeco estiĝis ŝtata zorgo. En 1845, *Instituto Histórico e Geográfico Brasileiro* (*Brazila Historia kaj Geografia Instituto*), kiu funkciis en la Imperia Palaco, lanĉis konkurson por respondi la demandon: "Kiel oni devas skribi la Brazilan Historion?" La venkinto estis la bavara princo Carl Friedrich Philipp von Martius (1794-1868). La propono de la princo tekstis:

*"Iu ajn, kiu prenu sur sin la taskon skribi la Brazilan Historion (...) neniam forgesu la elementojn, kiuj tie kunagis por la elvolviĝo de la homo. Tiuj elementoj estas tamen el tre malsamaj naturoj; al elvolviĝo de la [brazila] homo kunlaboris tre propre tri rasoj, nome: tiu kuprokolora, aŭ amerika, tiu blanka, aŭ kaŭkaza, kaj fine la nigra, aŭ etiopa. El la renkonto, el la kuniĝo, el la komunaj rilatoj kaj ŝanĝoj de tiuj tri rasoj, aperis la nuna loĝantaro, kies historio, pro tio, havas tre propran karakteron".*

Ekde tiam, la oficiala historio de Brazilo estu la historio de la tri rasoj kaj de ilia kuniĝo. Eĉ nuntempe la lernejaj libroj en Brazilo prezentas tiun version, kiu, fine, estas tre simpatia, ĉar donas egalvalorojn al la tri "rasoj" (nune oni diru "etnoj [2]") kaj valorigas la kulturan kaj eĉ la fizikan miksiĝon.

Sed la usona modelo, "eŭropido adoptita de indiĝeno", estis multe pli ĉarma al la brazila elito. Pro tio, la duonoficiala romantika literaturo ĉiam montris la indiĝenon, kiel la "bonan sovaĝon" de Russeau, kiu kurbiĝis

---

### Manuel Antônio de Almeida



naskiĝis en Rio-de-Ĵanejro en 1831, kaj mortis en Makaeo (proksime de Rio) en 1861. Kiam li estis dekjaraĝa, mortis lia patro. Li licenciiĝis pri Medicino, sed ĉiam laboris kiel ĵurnalisto kaj kiel administranto de la Nacia Tipografio. La fama verkisto Machado de Assis, tiam tipografia lernanto, tie konis lin (1).

Tridekjaraĝe, kiam li intencis komenci politikan karieron, mortis en rivera ŝipdrono.

Lia ununura romano estis *Memoroj pri Milica Serĝento*. Li verkis ankaŭ la dramon *Du amoj* en 1861. Lia cetera literatura produktado estis artikoloj, kronikoj kaj aliaj etaj tekstoj.

Esperebele, la esperanta publiko ne bezonos atendi longe por legi la romanon de Manuel Antônio de Almeida.

(1) Pri Machado de Assis, legu ĉe La Karavelo:
n-ro 2, paĝoj 10-11;
n-ro 3, paĝoj 11-13;
n-ro 6, paĝo 9; kaj
n-ro 11, paĝoj 14-15.

Ω
JJS

---

[1] Portugala titolo: *Memórias de um sargento de milícias*. (JJS)

[2] "Raso" estas biologia koncepto, sed "etno" estas kultura koncepto. Multaj nigruloj apartenas al iu amerika etno; tiuj homoj ne plu havas la etnajn trajtojn de siaj biologiaj antaŭuloj. (JJS)

antaŭ la eŭropa supereco kaj tiel aperis la brazilanoj: eŭropidoj, kiuj ricevis Brazilon, kiel donaĵon de siaj noblaj antaŭuloj. La oficiala brazila literaturo laŭdadis la indiĝenojn, kompreneble ne la verajn vivantajn indiĝenojn, sed la "bonan sovaĝon", kiu vivis ĵus antaŭ la alveno de la portugaloj. La tria "raso", la nigruloj, eĉ ne partoprenis kiel problemo, aŭ kiel solvo. Ili estis "servanta raso", laŭ tiama dirmaniero, kaj dum longa tempo, la brazila elito preferis kredi, ke ili simple malaperos iam. [3]

Se la indiĝenoj ŝajnis la solvo de la problemo, la blankuloj estis la kerno de la problemo. En la 19-a jarcento, portugaloj kaj brazilanoj estis tro similaj, kaj tio ne plaĉis al la elitoj de ambaŭ landoj.

En la hispanlingva ameriko, ĉiam la kulturo kaj la raso de la konkerantoj estis evidente malsama ol tiuj de la kolonanoj, en Usono kaj Brazilo, ne. Sed usonaj kolonanoj devis fari grandajn militojn kontraŭ la angloj, kaj Anglio restis sufiĉe potenca sen Usono. Vere, la Dektri Kolonioj de Nordameriko estis negrava parto de la Brita Imperio. Inter Brazilo kaj Portugalio, la ligo estis multe pli forta. Brazilo ne "sendependiĝis" de Portugalio. Ambaŭ ŝtatoj disiĝis, sed la monarĥia sistemo ankoraŭ povus reunuigi ilin baldaŭ: la portugalia reĝo estis patro de la brazila imperiestro, do la portugalia reĝo estis honora imperiestro de Brazilo, kaj brazila imperiestro estis kronprinco de Portugalio. [4]

La nova liberalisma elito reganta en ambaŭ landoj timegis la reunuiĝon, ĉar tio signifus, laŭ ili, minacon al nova konstitucia reĝimo kaj ebla reveno al ĵusvenkita absolutismo. La portugala elito klopodis krei bildon de brazilanoj kiel sendankaj ribeluloj, kiuj forprenis la plejriĉan parton de la Portugalia Imperio, kaj kiuj lanĉis la portugalian ekonomion en longegan dekadencon. Aliflanke, la brazila elito klopodis montri portugalojn kiel sovaĝajn konkerantojn, kiuj disrabis la brazilajn riĉaĵojn dum 300 jaroj [5].



**Presilo de la 19-a jarcento. Ĝi presis tri paĝojn minute.**

Oni ne povas diri, ke portugaloj kaj brazilanoj estis elegantaj, edukitaj aŭ rafinitaj. Intelektuloj ĉiam estis tiaj, sed plejparto de la portugallingva popolo restis longe en mallumo. Nur en la fino de la 20-a jarcento, la senalfabeteco malaperis en la popolaj klasoj de ambaŭ landoj. Tio tre faciligis al ambaŭ elitoj forviŝi la historion kaj estigi la mitojn en la kolektivan memoron.

Nur en la lastaj 20 jaroj, la brazila historiistoj komencis repensi la brazilan identecon. Oni ne povas diri, ke Brazilo estis invadita de portugaloj, ĉar tiam ne ekzistis Brazilo. Oni kreis la teorion, ke Brazilo estis "inventita". Laŭ tiu teorio, iam oni decidis, ke la aro de portugalaj kolonioj en Sudameriko estis ununura lando, kaj nur post tiu decido, konscia aŭ ne, aperis sento pri brazilaneco. Dum kelka tempo, oni diskutis, kiam aperis la ideo pri Brazilo, ne kiel simpla geografia referenco, sed kiel nacio. Nuntempe, plejparto kredas, ke tio okazis dum la reĝperiodo de Don Johano La Sesa en Rio-de-Ĵanejro. [6]

3 Pri la renkonto de la portugaloj kun la indiĝenoj, oni legu ankaŭ la verkon *Iracema* (1865), de José de Alencar (1829-1877), tradukitan de B. Silva, KKE, Rio-de-Ĵanejro (1974), 156 paĝoj. La UEA-katalogo vendas ĝin por 9,00€. Tiu verko enhavas du semantikajn tavolojn. Ĝi estas kortuŝa amromano inter portugalo kaj indiĝenino, kaj aliflanke ĝi reprezentas la miksiĝon de du etnoj, kiuj naskigis trian: la brazilan etnon. En la portugala lingvo, la vorto "Iracema" estas palindromo de "America". Tiun romanon oni legas facile kaj plejplaĉe. (JJS)

4 Fakte Brazilo sendependiĝis pro decido de la portugalia reĝa familio, sen luktoj nek bataloj. Tio estis ja la plano B de la portugalia reĝo. La plano A estus restigi la imperion kune, sed kun la ĉefurbo en Brazilo. Tiatempe tio ne eblis, unue pro la transportaj malfacilaĵoj, kaj due ĉar angloj kaj francoj estis tiam detruantaj Portugalion, enkadre de la franca revolucio. La francoj havis tiam interkonsenton kun la hispanoj por la dissplitiĝo de Portugalio, laŭ ilia konveneco.
Pri tiu historia periodo, legu ankaŭ ĉe "La Karavelo n-ro 7, paĝoj 20 ĝis 24". (JJS)

5 Tre bedaŭrinde, kelkaj, eĉ ankoraŭ nuntempe, preferas tian fabelon ol la seriozan analizon de la historiaj faktoj. Klio, la histori-diino, starigos la veron. (JJS)

6 Tiaj estis la faktoj. (JJS)

## 2 – LA INFLUOJ

Kiam estis dirate, ke Scott, Dumas kaj Fenimore difinis la modernan modelon de brito, franco kaj usonano, aŭ kiam Manzonni faris el Renzo la modelon de italo, tio ne signifas, ke ili faris tion tutkonscie. Ni ne kredu, ke ili sidiĝis en siaj kabinetoj kaj decidis detale la nacian modelon. Dumas certe neniam imagis, ke Dartagnan iĝos franca heroo. Male, oni scias, ke unue li devis malaperi en la komencaj ĉapitroj, tuj post la duelo de la mosketiroj. Sed la literatura genio "kaptas" la problemon en la aero, kaj kaptas la solvon, preskaŭ neracie. Dumas ne povis kontroli Dartagnanon, ĉefe ĉar lia romano aperis en ĵurnaloj, kiel felietono. Verkisto de felietono ricevas tujan respondon de sia publiko. Leteroj demandas pri la heroo, homoj haltigas la verkiston sur la strato por sugesti tian aŭ alian aferon, kaj la aŭtoro ne estas la sola kontrolanto de sia verko.

## 3 – LA ROMANO

Tio okazis al *Memoroj pri Milica Serĝento*. Ĝi ŝajne montras la plej taŭgan solvon al la problemo de nacia identeco, eble ĉar ĝi estis felietono. Tre probable Manuel Antônio de Almeida neniam pensis pri tiu problemo. Plejcerte li volis verki nur komikan felietonon. Eble eĉ la tre kaŝaj kritikoj al la imperiestro, kiu apenaŭ aperas en la romano, estas preskaŭ nekonsciaj, aŭ rigarditaj de l' aŭtoro kiel flankaj aferoj.

La romano estis publikata anonime en ĵurnaloj, inter 1852 kaj 1853, kaj ĝi havis libran eldonon en 1854. La romano ne estis tre ŝatata, pro tio, ne okazis revizio, kaj ĝi daŭris plena je problemoj: malkoherecoj, kripla lingvaĵo, konfuzaj frazoj. La aŭtoro, Manuel Antônio de Almeida, mortis nur 30-jaraĝa en 1861, kaj dum longa tempo li estis memorata preskaŭ nur kiel protektanto de Machado de Assis en ties juneco. Kompreneble, li ne vidis la duan libran eldonon de sia verko.

La vorton "memoroj", en la titolo, oni devas kompreni kiel sinonimon de "eseoj", kiel okazis ofte en sciencaj verkoj de la 19-a jarcento. La romano estas kuniĝo de mallongaj rakontoj, kiuj okazis iom hazarde al la roluloj. Ĝi similas al la postulo de Realismo, ke la homa vivo ne estas tute logika sekvo de agoj, sed ĝi kontraŭas al la "romanaj tezoj" de Naturismo. Ĉiu ĉapitro povas esti legata iom sendepende de la aliaj, kaj do oni povas kompreni la lastajn partojn de la romano ne koninte la komencon. Ĉiu ĉapitro estas unu "eseo", sed ili ne estas sciencaj aŭ filozofiaj, kiel eble la aŭtoro intencis fari, kiam li nomis sian verkon.




La elekto de la profesio de la ĉef-rolulo, t.e. milica serĝento, eble estas eĥo de *La Tri Mosketiroj*, sed kiel la ĉefrolulo nur eniris la milicon en la lastaj ĉapitroj, tiu influo restis tiel distanca, kiel la influo de Kiĥoto en la verko de Dumas, kiu, kvankam ekzistanta, ne havas reliefon. Vere, *Memoroj pri Milica Serĝento* pli similas al *La Skribaĵoj de S-ro Pickwik*, kvankam tre eble Almeida ne konis la verkon de Charles Dickens.

Dum multe da tempo, la verko ne havis reeldonon, kaj dum preskaŭ 100 jaroj ĝi estis apenaŭ citata kaj malpli ofte legata. En la mezo de la 20-a jarcento, ĝi iĝis unu el la libroj de deviga legado en la brazilaj lernejoj, sed daŭre rigardata kiel unu el la flankaj verkoj, kiujn oni uzis por tedigi junulojn. Tial ne estis studoj pri ĝi, krom resumoj publikitaj kiel faciligo al pigraj gelernantoj.

Ĉi tiu libro nur akiris intereson flanke de la intelektuloj, kiam oni komencis rigardi la sendependiĝon de Brazilo kaj la ekaperon de la brazila etno kiel fenomenon okazantan post la veno al Brazilo de la portugala reĝo Don Johano La Sesa, en 1808. Tamen, eĉ tiel oni ne povas diri, ke la libro furoris.

Vere, kiel dirite, Almeida estas la nura literaturisto, kiu prilaboris tiun periodon. Li montras la portugalojn ĝuste en la momento, kiam ili iĝis brazilanoj. Oni vidas portugalajn oficistojn en konvertiĝo al afrikaj gedioj, nobelulojn kiuj devis forgesi la eŭropan etikedon, kaj kiuj devis vivi kvazaŭ legomvendistoj, kvankam daŭris riĉaj la korteganoj. Ni vidas la reĝon, kiu marŝas sur la stratoj, ni vidas la reĝpalacon, kaj ni vidas kiel iu ajn povas tien eniri kaj eliri senceremonie. La granda portugala imperio falis, sed oni ne estis nostalgia pri ĝi. Oni festis kun la ciganoj, oni ĝoje aŭdis mulatajn kantistinojn. Vere, ni vidas novan kulturon, novan nacion, barbaran kaj ĵusnaskitan el ruinigita imperio. Tio estis vere kortuŝa. Ω

www.esperantopt.com



# 60 minutoj ene de la portugalia literaturo

*João José Santos*



En la 6-a, 7-a kaj 8-a de marto 2009, okazis en la portugalia urbo Porto, la 5-a Iberia Esperanto-Renkontiĝo, kun la nomo Duria Plonĝado. Ĉi tiu estas la okazunta prelego, se la aŭtoro ne estus urĝe hospitaligita sabaton, la 7-an, en la urbo Pombalo, kiam li vojaĝis de Lisbono al Porto pertrajne.

## ENKONDUKO

Por kompreni nacian literaturon, nepre oni konu almenaŭ iom pri la propra popolo, kiu ĝin produktis. Pro tio, antaŭ la enirado en la portugalan literaturon, ni iom pripensu pri ties popolo kaj ties lingvo.

## 1. LA KALDRONO

La plej okcidenta ekstremo de la eŭropa kontinento estis loĝata jam en la neolitiko. Tiuj homoj nun komunikas kun ni pere de la famaj murpentraĵoj, kiuj postrestis en Fozkoo[1]. Tiuj estis la unuaj homoj, kiuj loĝis en Portugalio, laŭ onia scio. Ili vivis antaŭ 10000 jaroj.

La teritorio estis loĝata de fenicoj, de helenoj kaj de keltoj, de kartaganoj kaj de romianoj. Ĉi tiuj plej profunde lasis siajn spurojn en la lingvo, en la religio, en la arkitekturo, en la juro, nu finfine en ĉiuj antropologiaj aspektoj. La nuntempaj portugaloj estas la idoj de tiuj romianoj, kiuj invadis ĉi tiun teritorion. La kulturo restis, kaj la portugalia popolo gajnis fortan identecon. Tra la jarcentoj, suevoj, godoj, araboj, i.a., riĉigis nian romian kulturon kaj ankaŭ buntigis la rasajn trajtojn de nia popolo. Aliajn influojn ricevis ni poste. El Hispanio, ĉefe el Anglio kaj Francio, kaj nelge[2] el Usono. Oni ne povas forgesi la rasan influon de la afrikanoj, kiuj de antaŭlonge miksiĝas kun la portugaloj.

El tiu kultura kaj rasa kaldrono la portugaloj estas kuiritaj. Tamen, la ĉefa tavolo estas la romia. Esence, portugaloj estas latinidoj, eĉ tiuj portugaloj, kies genetika origino estas afrika aŭ alia.

1 Portugale "Vila Nova de Foz Côa", kie estis trovataj gravaj neolitikaj murpentraĵoj, en nordo de Portugalio.

2 Nelge: antaŭ nelonge.

## 2. LA PORTUGALA LINGVO

La romianoj alvenis ĉi tien en la kunteksto de la Dua Kartaga Milito (218 a.K – 201 a.K.). Kaj ĉi tie ili restis ĝis la nuntempo.

La romianoj kunportis kun si sian lingvon, ĉefe la latinan de la soldatoj kaj de la komercistoj, la latinan de la popolo.

Tiu tavolo de la latina lingvo ne havis la erudecon[3] de la posta literatura latina lingvo de Vergilio kaj de Horacio. Ĉi tiuj verkistoj vivis ĉirkaŭ 200 jaroj post la romia iberi-invado. El tiu latina lingvo estas eĥoj en la komedioj de Plaŭto kaj de Terencio.

La romiiĝo de la teritorio estis rapida kaj profunda. La romiaj urboj estis rapide semataj tra la teritorio. En ili ekfloris la romia kulturo, kaj rapide la tiamaj popoloj modifis siajn lingvojn kaj manierojn, tute absorbante la romian kulturon, sed lasante en ĝi sian markon, siajn proprajn trajtojn. Tio estas unu el la kaŭzoj de nia profunda identiĝo. Kvankam tiel proksima de Hispanio, ĉi tie la latina lingvo rapide aliiĝis kun propraj ecoj, kaj ĉi tiu popolo ĉiam sentis sin aparta etno.

En la 8-a jarcento p.K., venis la araboj, kies influo en la portugala kulturo estas plejgrava. Kun ili venis pli higienaj moroj, novaj instrumentoj kaj novaj manieroj labori kaj esti en la mondo. La rekonkeraj bataloj forigis la arabojn, sed ilia influo restis porĉiame en la animo de la portugaloj.

Ekde tiu kuraĝa paŝtisto, Viriato, kiu rezistis kontraŭ la romianoj, ĝis la nuntempo, estas ĉirkaŭ 2200 jaroj. 2200 jaroj da vivo, da luktoj por garantii la sendependecon, da konkeroj, travivaĵoj, venkoj kaj malvenkoj, amo kaj gloro. Kompreneble, la portugala popolo havas ion direndan pri si mem, pri la popolriĉeco, kiu fandiĝas en ni, kaj kiu estas la heredo de niaj antaŭuloj. Nia literaturo gravedas je tioma antropologia bunto kaj abundo.

## 3. LA PORTUGALA HISTORIO

Sed... ni ankoraŭ ne parolis pri Portugalio.

3 Erud-ec-o: erudicio.
Erudi: doni scion, instruon aŭ saĝon en alta nivelo.
Nepre legu ĉe:
http://www.cfh.ufsc.br/~simpozio/Esperanto/ERUDI.html

Ĉio dirita ĝis nun enkadriĝas en la periodo de 8000 a.K. ĝis 1100 p.K. Portugalio aperas kiel ŝtato en 1143.

Poste, ni insiste kaj persiste, per bataloj, kiuj kostis la sangon de niaj prauloj, elliberiĝis el la povo de la aliaj iberiaj reĝoj, rekonkeris la teritorion al la araboj, ĝis kiam, en la 13-a j.c., ni difinis niajn landlimojn.

Tia rekonkera batalvivo ankaŭ lasis spurojn, gravajn spurojn en nia literaturo.

Kaj poste? Kion oni esperu de popolo, kiu pasigis la lastajn jarcentojn en luktoj por sia propra liberiĝo? Ĝi rigardis trans la maron, kaj kredis, ke trans la akvoamaso devas esti io interesa... eble la paradizo... eble riĉaĵoj... eble io ekzota... eble io alia ĝojiga kaj feliĉiga.

Kaj tiu popolo sin lanĉis trans la marojn. En la 17-a jarcento, ĝi konsistis nur el unu miliono kaj ducent mil homoj. Sed ĝi posedis teritoriojn de Barato al Brazilo. Duono de la konata mondo estis tiam portugala, la alia duono estis hispana. Nu... pli malpli...

Nia literaturo pli kaj pli riĉiĝis el tiom da sperto kaj travivaĵoj.

Kaj poste...? La falo, t.e., la dormado sub la konkeroj, la novriĉismo, la facilismo, la inkvizicio, kaj jam en la 20-a jarcento, jen 48 jaroj da faŝisma reĝimo.

La ekfalo komenciĝis en 1580, kiam Portugalio perdis la sendependecon sub Hispanion. En 1640, nia lando releviĝis kaj reprenis sian sendependecon, kaj ĝin defendis ĝis la nunaj tempoj.

La lastaj 400 jaroj ankaŭ postlasis spertojn, frustrojn, venkojn kaj malvenkojn, kiuj pli riĉigis l' animon de la popolo.

Mi, portugalo, kredas, ke multon ĉi tiu popolo havas ankoraŭ por doni al la mondo. Certe ne plu per glavo, kaj ne plu per karaveloj. Kio restis el ni estas... ni mem. Kaj "ni mem" estas abstrakta koncepto, spirituala. Tion oni perceptas en nia literaturo. Nur la valoroj akiritaj per longa studo kaj longa travivado havas la povon transformi la mondon. Kelkaj ne komprenas tion, kaj trovalorigas la povon de la mono, la povon de la riĉaĵoj, la povon de la armiloj. La riĉaĵoj detruiĝas far la armiloj, kaj la mono fandiĝas en la fero de la armiloj. Falas la imperioj, ĉiuj, unu post unu. Kio restas? La progresiva kulturo: la kulturo, kiu naskas la estonton, kaj kiu venas el la pasinto.



### 4. LA PORTUGALA LITERATURO

El la diritaĵoj, eble oni jam komprenis, ke la literaturo de popolo ne naskiĝas el la nenio, sed el la propra vivo de tiu popolo.

La portugala literaturo elvenas el la buŝo de sia popolo, kiu rakontadis mirindaĵojn al la infanoj, kaj kiu poeziis nature, en la inaj voĉoj, dum ili lavis vestaĵojn en la tre antikvaj portugaliaj vilaĝoj. Tamen, oni nur povas scii pri tiaj epizodoj ekde kiam kelkaj komencis skribi la verkojn. En la 12-a jarcento, aperas belegaj kaj diversformaj poemoj en Portugalio, kaj certe ili ne naskiĝis el la nenio. Mi parolas pri la amikokantoj. La araboj jam tiam havis riĉan literaturon, kaj tiu literaturo lasis spurojn en la portugalia teritorio. Kvankam oni ne perfekte scias el kie venas niaj lokaj amikokantoj, tamen mi supozas, ke la arabaj kantoj influis la portugalajn.

Sed la portugalo neniam kontentiĝas per siaj propraj inventaĵoj. Li ĉiam ion serĉas ekstere, per kio li povu lerni plu. Do, inter la 12-a j.c. kaj la 16-a j.c., la portugaloj ne nur kultis la amikokantojn, sed ankaŭ aliajn kantojn, kiuj elvenis el Provenco, el la sudo de Francio. Tiatempe, en la tuta Iberio, oni ĝenerale uzis la portugalan lingvon por poezio, kaj pli ofte la kastilian en prozaĵoj.

Ne eblas priskribi ĉiujn literaturajn epokojn, skolojn, poeziformojn, aŭtorojn, ktp., eĉ en longa libro, des pli en prelego. Kaj do, ĉi tie oni apenaŭ donas parfumon pri la afero.

En la 16-a j.c. aperas nova poezitipo, kiun oni nomas palaca poezio.

En la epoko de la maraj malkovroj, aperas niaj renesancaj aŭtoroj, el kiuj plej brilas unu el la plej grandaj tutmondaj poetoj: Ludoviko Vazo Kamonio.

Poste venis kelkaj manieristoj kaj finfine iluminismo, kiu ne multe lumigis la popolon, ĉar la inkvizicio pereigadis ĉiujn eknaskiĝantajn lumojn. Tiam vivis, ne longe, la dramverkisto Jozefo Antono Silvo, kies kuraĝon li pagis per la fajra turmento ĝis la morto.

La 19-a j.c. alportis al ni la romantikismon, kaj tuj poste la naturismon kaj realismon. Brilaj aŭtoroj aperas en la 19-a j.c. Mi mencias nur unu, ĉar liaj portugalaj ecoj donas specialan forton al sia verko: Kamilo Kastelo Branko.

La dek-tri jam eldonitaj numeroj de La Karavelo aludis, biografiis kaj tradukis kelkajn el la portugallingvaj aŭtoroj.

En la 20-a j.c. aperis alia el la geniaj majstroj de la tutmonda literaturo: Fernando Pesoo. Sed ne nur. Multaj aliaj poetoj, rakontistoj kaj romanistoj brilas en la pasinta portugalia jarcento.

La 21-a j.c., ĵus komenciĝinta, trenas rimarkindajn verkistojn de la 20-a, kaj ekaperas aliaj.

Tiom da historio! Tiom da literaturo! Tiom da vivo!

En ĉi tiu antropologia travivaĵo kun 2200 jaroj, mi profunde bedaŭras, ke tro ofte aperas diktatoroj kaj diktatoretoj en ĉi tiu lando. Tiuj rabistoj de la popol-libero blovas la kandelan lumon, por ke la popolo blindiĝu. Sed ĝi obstine malfermas la okulojn kaj lumigas la tagojn. Nia popolo jam rajtas je libero kaj reala demokratio. Kiam ĝi tion konkeros, ĝi povos liberigi sian helenan animon.

## KONKLUDO

Dankon, karaj, pro via pacienco aŭskulti min pri mia lando, pri mia kulturo kaj pri la amo, kiun mi havas al mia patrio kaj al miaj antaŭuloj. Kelkaj eble pensas, ke ĉi tia teniĝo ne konformiĝas kun la internacia lingvo, kun la internacia kulturo kaj kun la internaciaj interesoj de ĉiuj popoloj. Nenio estas pli erara! Mi firme kredas, ke tiu, kiu ne amas sian familion, ne povas ami alies familiojn. Tiu, kiu ne amas sian patrion, ne povas ami kaj toleri alies patriojn, kaj do tiu tute ne povas kompreni kaj ami la homaron kaj ties internacian kulturon.




**Florbelo Espanko (port.: "Florbela Espanca") (1894-1930)**
**Rimarkinda sonetisto el la portugala lingvo.**
**Ŝi naskiĝis en Alenteĝo, ne tre diste de la karavelejo.**

La internacia kulturo estas farita de ĉi tio ĉio, de la kulturoj de ĉiuj popoloj. Se oni neas tion, oni falas en falsan internacian kulturon, kiu finfine estas la kultura regado de ununura lando.

La Karavelo montras ĉi tiun koncepton en la praktiko. Ĝi perigas la portugallingvan literaturon sed riĉiĝas de alilandaj literaturoj kaj de la propra esperanta literaturo.

Finiĝas ĉi tiu prelego per la legado de la konata poemo de Fernando Pesoo, el la verko *Mesaĝo*, tradukita de mi en *La Karavelo n-ro 10, paĝo 5*:

### PORTUGALA MARO

Ho sala maro, kiom da sal' via
larmado stas portugalia!
Pro navig', kiom da patrinoj ploris,
kiom vane filoj preĝprovis,
Kiom da fianĉinoj sen par',
pro via posedo, ho mar'!

Ĉu indis? Ĉio indas, se l' animo
plenas je honor' kaj sublimo.
Dezirante transpasi Boĝadoron,
nepre transpasu la doloron.
Al mar' abisma Di' donis danĝeron,
sed montris sur ĝi la ĉielon.

Ω

## Foiro de la Lernejoj en Estremozo

**26-a, 27-a k. 28-a de marto 2009**

***João José Santos***

*La apuda anonco alvokas al la Foiro de la Lernejoj de Estremozo, en marto 2009, en la ekspoziciejo "Parque de Exposições" ['park de ajŝpuzi'sõjŝ].*

*La horplano de la foiro estos:*

**26-a (ĵaŭde) : 10h – 23h**

**27-a (vendrede) : 10h – 23h**

**28-a (sabate) : 14h – 23h**

*En ĝi, la lernejoj kaj aliaj kulturaj organizoj el Alenteĝo (Portugalio) prezentas sin kaj siajn agadojn en standoj organizataj en kaj ekster la du tegmentitaj pavilonoj de la ekspoziciejo. En tria pavilono, la Pavilono A, funkcios samtempe Foiro de la Scienco.*

*Unuafoje, La Karavelo tie aperos kaj aperigos siajn varojn kaj informojn pri la internacia lingvo esperanto. En la Pavilono C, la unua stando, en la maldekstra flanko, nomiĝas* ***La Karavelo – Esperanto****.*

*Tie, La Karavelo invitos al la unua esperanto-kurso okazonta en Estremozo, en la urba gimnazio, "Escola Secundária Rainha Santa Isabel", ekde la 20-a de aprilo 2009.*

*LK prezentos specialajn sesiojn por disvastigo de esperanto en la jena horplano:*

**26-a (ĵaŭde) : 12h; 16h; 21h**

**27-a (vendrede) : 12h; 16h; 21h**

**28-a (sabate) : 16h; 21h**

*Homoj kun flua esperanto-kapablo bonvole aldonu la retadreson* **joaojosesantos@gmail.com** *al sia MSN por eventuala esperanta babilo en tiu horplano.*

*Kvankam ĉi tio ne estas esperanto-renkontiĝo, plejĝoje oni sentos la viziton de la portugaliaj aŭ alinaciaj esperantistoj. Vizitontoj mesaĝu private al la redaktisto de La Karavelo, por amika babilo kaj eventuala kunmanĝado.*

*Profitu la okazon por koni trankvilan kamparan regionon kaj gustumi plej bongustan gastronomion.* **Ω**









Spektu la filmon en: http://www.feiradasescolas.estremozmarca.com/

## Unua Esperanto-Kurso en Estremozo

***João José Santos***

**Loko**
"Escola Secundária Rainha Santa Isabel"

**Komenco**
20-a de aprilo 2009

**Horplano kaj Kalendaro**
Lunde kaj Merkrede, 17:30h – 19:00h
20 lecionoj X 1:30h = 30 horoj

**Instruisto**
João José Santos

**Nivelo kaj Lernolibro**
Esperanto 1 – Lernolibro elektota.

**Prezo**
Ĉiu lernanto pagos 75€ por la tuta kurso plus la lernolibron.

**Celpubliko**
Instruistoj, lernantoj, laborantoj kaj enloĝantoj en Estremozo. **Ω**